

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XXIII - Nº 267 ENERO-FEBRERO 1985

# 45-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Enirejo a La Manga, celo de nia ekskurso

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Apartado 119;
47080 VALLADOLID

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 30
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz

## ENHAVO



Depósito Legal: VA. 616.—1978.
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Paraíso, 8. Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ



Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Carreras Candi, 34-36
Tfno. (93) 2402662
08028 BARCELONA

PREZIDANTO
Salvador Aragay i Galbany

SEKRETARIO
Víctor Ruiz Gómez

KASISTO
Joan Font

Pagoj sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros
Libreta nº 2.303-26
Agencia Riera Blanca 436
08028 BARCELONA

LIBRO-SERVO DE H.E.F.
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

Pagoj por Libro-Servo:
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ELDONA FAKO
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35-4º
50001 ZARAGOZA

ĈEFDELEGITO DE U.E.A.
Juan Azcuénaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º Iz.
Tfno. (942) 339487
Cuenta Postal 03548531
39003 SANTANDER

INFORMA-FAKO
Enrique Piquero Vázquez
Asín y Palacios, 8 6º A
50009 ZARAGOZA

# OMAĜO EN MOIA AL RAMON MOLERA KAJ PREZENTADO DE LA «MIRINDA LIBRO»

En Moia, la naskiĝurbo de nia neforgesebla forpasinta Ramón Molera Pedrals, okazis la 25-an de novembro omaĝo dediĉita al li, organizita de Barcelona Esperanto-Centro, Esperanto-Grupo Moiá kaj la loka societo «Agrupació Cultural La Tosca».

La memorfesto malvolviĝis en la Kulturdomo de Moiá. En la ĉefsalono pluraj afiŝoj sciigis pri la vivo kaj personeco de Molera ekde liaj unuaj kontaktoj kun Esperanto en 1937-a ĝis la dato de la forpaso en 1982-a.

Sur la podio, prezidis, la familio Molera kaj la urbestro de Moiá, kiu per la lasta parolado fermis la omaĝfeston.

Unue parolis Salvador Aragay, kiu reliefigis la personecon de Molera kaj rakontis la okazaĵojn de la literatura konkurso pri la Esperanto-Delegito kaj pri la eldono de «La Mirinda Libro».

La folklora Grupo L'Esbart de Moia kontribuis al la omaĝo ludante katalunajn tradiciajn dancojn gvidate de Arturo Castanys.

Infaninoj lernantaj Esperanton deklamis esperantlingve «La Vojo» de Zamenhof.

Sekvis la salutoj de Esperanto-Delegitoj kaj reprezentantoj de Esperanto-Grupoj.

Josep Solá Forcada, amiko kaj kunlaboranto de Molera ekde sia infaneco, en sia parolado rakontis travivaĵon pri Molera, lia interesigo pri Esperanto estante nur dektrijara kaj lia dumviva entuziasmo por la «interna ideo». Bonege, ke multiĝu homoj kiel li por idealo tiel granda.



Prezida tablo dum la omaĝo

La Preĝeja Ĥoro de Moia sub la direktado de Ignasi Albert kantis katalunajn kanzonojn.

Ana Maria Molera legis sian rakonton «Bona Homo» aperintan en «La Mirinda Libro» kaj sciigis ke ĝi estas vera propra travivaĵo.

Josep Montrás, la urbestro de Moia, danke bonvenigis en Esperanto kaj memorigis, ke per tiu elstara homo Moia transformiĝis en esperantistan urbon. Li donacis memoraĵon al la filino de Molera, Ana Maria, prezidantino de Esperanto-Grupo Moia.

Kiel finon de la omaĝo la Preĝeja Ĥoro kantis en Esperanto «La Espero» akompanate de la ĉeestantaj esperantistoj.

G. Moya

# LA ALIĜO AL LA «INTERNA IDEO», NE ESTAS DEVIGA

Ekzistas, en Madrido, tre kara samideano, aŭ pli bone dirite esperantista amiko, kiu neniam perdas la okazon, kiam li parolas kun mi, esprimi siajn nefavorajn opiniojn pri la t.n. «interna ideo» kaj giaj sekvoj.

Laŭŝajne, kaj laŭ lia opinio, tiuj alnomoj de kelkaj Esperanto-Grupoj kiel, ekz.: PACO KAJ AMO, FIDO KAJ ESPERO, FRATECO, NOVA SENTO, k.a. ĝenas lin kaj estas neutilaj, aŭ eĉ danĝeraj por la disvastigado de la neutrala kaj internacia helpa lingvo Esperanto.

Mi tute ne konsentas kun la eldiroj de tiu esperantisto, sed mi lojale kaj pacience aŭskultadas lin. Mi verdire, estas ne nur Zamenhofano, sed eĉ fervora zamenhofano, kiu taksas Zamenhofon kiel veran geniulon kaj ec kiel sanktulon. Mi eĉ preĝas, tre ofte per la vortoj elpensitaj de Zamenhof el liaj brilaj poezioj. Zamenhof, sendube kiel homa estaĵo, havis sian talenton, sian persistemon kaj klarvidecon, sed ankaŭ siajn eblajn malvirtojn, (Li estis fumanto). Oni diras, interalie, ke li povus esti vivanta dek jarojn pli se li ne havus la kutimon fumadi.

Krom tio, mi ne rimarkas, nuntempe ke oni propagandas en la esperantogazetoj la «internan ideon». Tia interna ideo estas tute privata pensmaniero de ĉiu esperantisto kiu volas ĝin sekvi, kaj neniel deviga por iu ajn, kiu povas esti rilate politikon: dekstrulo, maldekstrulo, centrulo aŭ tute neŭtraulo.

La popolo ne konas multe Esperanton, nuntempe la angla lingvo estas multe pli konata, disvastigata kaj eĉ studata de nia gejunularo, tamen multaj gelernantoj de la angla kaj franca lingvoj kiuj fordonadas kelkajn milojn da pesetoj por la lernado ... finfine laciĝas, forlasas la studadon kaj finfine nur elparolas kelkajn frazojn sed NE PLI. Mi mem havas du nepojn, kiuj lernadas ilin, kaj eĉ loĝas ĉiujare en Anglujo dum kelke da tempo, sed bedaŭrinde ne havas grandan sukceson.

Nun mi timas ke miaj konsideroj pri la «interna ideo» de Esperanto kaj ĝiaj sekvoj povus estis tro longa kaj teda por multaj gesamideanoj, al kiuj mi memorigas ke **tiu interna ideo, tute ne estas deviga**. Tion-ĉi jam bone komprenis la ĉefaj gvidantoj de la Esperanto-movado kaj konsekvence, ili laboradas kaj propagandas laŭ tiu ĝusta kaj racia pensmaniero.

LUIS DE OTAOLA

# 20-A KATALUNA KONGRESO DE ESPERANTO

## OLOT de la 12-a ĝis la 14-a de Oktobro, 1984




**Grupo da partoprenantoj en la Kataluna Kongreso**

En Olot, urbo de la Garrotxa regiono, kun brila suno kaj belega pejzaĝo inter neaktivaj vulkanoj, sukcese malvolviĝis la aranĝoj de la 20-a Kataluna Kongreso de Esperanto. Olot du fojojn estis sidejo de Kataluna Kongreso de Esperanto. Tie en 1913-a okazis la 4-a Kongreso kaj ĝiaj Floraj Ludoj, prezidate de Karlo Bourlet, la fama franca pioniro de Esperanto.

Dum la vendredo: En la kongresejo malvolviĝis «Elementa Kurso» gvidata de Audrey Childs-Mee kaj «Progresiga Kurso» gvidate de Lawrence Mee. En la ĉefteatro de Olot, post la inaŭguro de publika ekspozicio, oni prezentis libron pri la olota movado kaj okazis prelego en kataluna lingvo fare de Josep Travesset kaj Anna Rosselló, kun antaŭparolo de Josep Martínez de Foiz, prezidanto de Klubo Amikoj de la Unesko en Katalunio. En la Teatro de la Katolika Centro, kiel unua arta vespero, regalis nin

per polaj kanzonoj la pola kantistino Marta Podgorska. En tiu arta vespero la Kongreso aligis al la Loka Porpaca Semajno.

Sabaton: En la urbodomo la urbestro Pere Macias salutis en Esperanto la kongresanojn kaj memorigis la malvolvigon de la esperantista movado en Olot ekde la pasinta tempo en 1913-a, kiam okazis la 4-a Kataluna Kongreso de Esperanto. Li konstatis la paralelecon inter la du personuloj Pompeu Fabra, kataluna inĝeniero, aranĝinto de la kataluna gramatiko, kaj Zamenhof, judo kaj polo, okulisto, kreinto de Esperanto. La Prezidanto de Kataluna Esperanto-Asocio Manuel Casanovas respondis al la saluto de la urbestro per kataluna versio de lia alvoko «Olot vokas nin» kaj konsideris sin unu plia olotano kaj diris al ĉiuj: «Vi estu bonvenaj! Vi samlandanoj, kaj vi estimataj najbaroj, eksterlandanoj kaj honoraj gastoj!».

La ĉefteatro de Olot solenis la «feston de la Internaciaj Floraj Ludoj». Ĝi estis la 24-a Internaciaj Floraj Ludoj. Post ĝia malfermo fare de la urbestro de Olot Pere Macias kaj la rememoroj de Miguel Garganta pri sia patro, la olota pioniro de Esperanto, la Sekretario de la ĵurio Gabriel Mora i Arana legis la sekretarian memuaron.

Li referis ke en la jaro 1913-a antau la Unua Mondmilito, en Olot okazis la 4-a Kataluna Kongreso de Esperanto kaj la 3-aj Internaciaj Floraj Ludoj kaj ke nun, post sepdek unu jaroj, sonoras novaj vibroj kun sama celo kaj mesaĝo de spirita movado, malgraŭ la dum kaj la post milita silentado. Li laŭdis la urbon Olot pro ĝiaj naturaj belaĵoj kaj kulturaj agadoj kaj rakontis historion pri la Floraj Ludoj. Plue li plendis pri la memoro de niaj ĵus forpasintaj esperantistoj Petro Nuez kaj Fernández Jurado kaj fine li legis la verdikton de la ĵurio pri la konkursaĵoj. Gajnis la premiojn «Rozo kaj Natura Floro» Giorgio Silfer per la poemo «Sur la Plaĝo de l'Ciklopo» kaj estis elektita reĝino de la Floraj Ludoj María Garcés.

D-ro André Albault, Prezidanto de la Akademio de Esperanto, eldiris la festparoladon. En sia altkvalita disertacio li faris la historion de la malvolviĝo de la Floraj Ludoj ekde gia fondigo en Tuluzo ĝis nun. Oni entreprenis ilin por revivigi la Okcitanan Lingvon tiel fortege subprematan post kiam la Grafo Simono de Montfort venkis la provencanojn. En 1313-a kunvenis sep trobadoroj en ĝardeno de Tuluzo kaj tie ili formulis Leĝojn pri Amo, leĝojn pri la Okcitanaj Floraj Ludoj kaj fondis la Akademion de la Floraj Ludoj, la unuan el la lingvaj akademioj. André Albault memorigis ĉiujn eventojn de la Floraj Ludoj ĝis ilia restarigo en Barcelono la pasintan jarcenton por revivigi la katalunan lingvon. Li aldone referis pri la starigo de la unuaj Esperantaj Floraj Ludoj en okazo de la Universala Kongreso de Barcelono en 1909-a kun la ĉeesto de Zamenhof. El la Internaciaj Floraj Ludoj li menciis tiun de Manresa en 1936-a, tuj antaŭ la hispana milito, kaj la restarigo de la Ludoj en Tortosa en tiu ĉi nova epoko.

Llibert Puig per paroladeto pri la klopodoj kaj persistado de la junĝkomisiono fermis la ĉi-jaran Floraj Ludoj.

**Post la Floraj Ludoj** kaj antaŭ la

Bankedo, estis inaŭgurita strato Dro. Zamenhof. Parolis la urbestro de Olot Pere Macias kaj en la nomo de la esperantistoj, Ricard S. Güell, vicprezidanto de Kataluna Esperanto-Asocio.

Post la bankedo, en la kongresejo Narcis Fluviá esperantlingve prelegis pri «Historio de la Kataluna Esperantista Movado». Precipe li temis pri la fruaj jaroj antaŭ la Internacia Kongreso de Esperanto en Barcelono en 1909-a. Lia prelego sciigis nin pri la tiama, nun nekonata malvolviĝo de Esperanto kaj pri giaj samtempaj pioniroj.

Kiel Duan Artan Vesperon en la Teatro de la Katolika Centro, trupo de Vilanova ludis la teatraĵon «Dum ajna sunmateno». La ĉefroluloj Maria Bonet kaj Ricard Güell bonege interpretis la teatran verkon.

Dimanĉo, lasta tago de la Kongreso, estis kvazaŭ ferio. Matene, Meso en Esperanto fare de Pastro Casanovas CMF: ekskurso al la vulkanoj kaj al la «Fageda d'en Jordá» (fagaro) kaj vespere la fermo de la Kongreso kun parolo de Arcadi Calzada, unua Vicprezidanto de la Kataluna Parlamento.

Kaj ĝis la venonta 21-a Kataluna Kongreso de Esperanto en Sant Cugat del Vallés.

G. Moya

---

# 24-aj Internaciaj Floraj Ludoj - 1984-a

## VERDIKTO

**ROZO** kaj **NATURA FLORO**: SUR LA PLAĜO DE L'CIKLOPO
Aŭtoro: Giorgio Silfer - Italujo
**Honora Mencio**: NOKTO KAJ AMO
Aŭtoro: Jiri Korínek - Ĉeĥoslovakio

**EGLANTERIO**: RESPONDO AL KALMAN KALOCSAY
Aŭtoro: Leif Gunnar Nordenstorm - Svedujo
**Honora Mencio**: LA KOSMO ĈE LA URBOFENESTRO
Aŭtoro: Manuel Marqués i Montané - Katalunujo/Hispanujo

**VIOLO**: «REINHARDT HEIDRICH»
Aŭtoro: Julius Balbin - Usono
**Honora Mencio**: MEDITO
Aŭtoro: Simone Boniol - Francujo

**PREMIO «FREDERIC PUJULA I VALLES»**: SERĈI LOĜEJON EN GRANDURBO
Aŭtoro: Giorgio Silfer - Italujo
**Honora Mencio**: LA MORTA SUBMARA ŜIPO
Aŭtoro: Lili P. Stefanovska - Bulgarujo

**PREMIO «JAUME GRAU I CASAS»**: Ne aljuĝita

**PREMIO «ARTUR DOMENECH I MAS»**: Ne aljuĝita

# 25aj Internaciaj Floraj Ludoj

## ALVOKO

Dezirante plue reokazigi la glorajn Internaciajn Florajn Ludojn, kiuj tiel solene prezentiĝis en diversaj urboj de Katalunio kaj de la insulo Majorko, Kataluna Esperanto-Asocio denove invitas la esperantistajn poetojn kaj prozistojn ĉiulandajn, konkurse konkuri per siaj plej valoraj verkoj en tiu ĉi tradicia Beletra Trobadora Festo kiu okazos en la kadro de la 21a Kataluna Kongreso de Esperanto en la jaro 1985a.

## PREMIOJ

**ORDINARAJ**

**A-Poezia branĉo, la tradiciaj**

ROZO al plej altkvalita am-tema poemo originale verkita en Esperanto.
EGLANTERIO al plej altkvalita priesperantisma poemo, aŭ tiu je temo laŭvole elektita de la aŭtoro, originale verkita en Esperanto.
VIOLO al plej altkvalita humanisma aŭ etika poemo, originale verkita en Esperanto.

**B-Proza branco**

PREMIO «Frederic Pujula i Valles» al plej altkvalita prozaĵo, originale verkita en Esperanto.

**EKSTERORDINARAJ**

**C-Traduka branĉo**

PREMIO «Jaume Grau i Casas» al plej altkvalita traduko Esperanten, ĉu verse ĉu proza el katalunlingva verko.
PREMIO «Artur Domenech i Mas» al plej altkvalita traduko katalunlingven, ĉu versa ĉu proza, el Esperanto verko.

La jurio aljuĝos la NATURAN FLORON al plej altkvalita verko el la kvar ordinariaj premioj.

La verkojn oni sendu, po kvar ekzempleroj nepre tajpitaj je duobla interspaco, nur ĝis la 31a de majo 1985a, laŭ la poŝtstampo, al jenaj nomoj kaj adreso de la Sekretario: Gabriel Mora Arana, Carrer Carrió, n-ro 7,4t. MANRESA, Katalunio, HISPANIO.

# 9-a H.E.J.S.-RENKONTIĜO

## MALAGA, 5-7 Aprilo 1985-a

TEMO: La Estonto de Esperanto

KONGRESEJO: Gran Fraternidad Universal; Trinidad Grund, 28 29001 MALAGA

KOTIZOJ: Membroj de H.E.J.S.: 150 p-toj; Aliaj: 250 p-toj

KORESPONDADRESO: H.E.J.S.: Atocha, 98 4º; 28012 MADRID (Hispanujo)

# ESPERANTO SUR LIA VOJO



**Nia forpasinta s-ano Molera kun sia edzino**

Kvankam ĝis nun nur vivantajn samideanojn ni prezentis en tiu-ĉi rubriko, tamen ni hodiaŭ faras escepton, cetere sugestitan de kelkaj geesperantistoj, ĉar ja temas ĉi-foje pri karmemora persono, kiu dum sia tuta vivo abnegacie sin dediĉis al la progresigo de Esperanto kaj al la praktikado de ĝia Interna Ideo. Tiu estis Ramón Molera Pedrals, al kies filino, Anna M., ni faris kelkajn demandojn pri diversaj facetoj de lia aktivado por la Zamenhofa lingvo:

**Kie, kiam kaj kiel via patro inicis sin pri nia Movado?** Mia patro inicis sin pri la Esperanto-Movado, en Moia (Barcelono), dum la intercivitana milito nialanda, la jaron 1937-an, kiam li estis nur 15-jara. Loka amiko havigis al li E-gramatikon, kaj li

tuj komencis mem lernadi ĝin. En 1938-a, avida je informado, li kontaktis kun Liceo Dalmau kaj Kataluna Esperantista Federacio, per kiuj li ricevis kelkajn E-revuojn, kies korespondpetaj anoncoj baldaŭ lin stimulis interrilatiĝi per leteroj kun diversaj en- kaj eksterlandaj samideanoj; tiel li familiariĝis kun la Esperanto-Movado kaj ĝia spirito. Ĉar dum la milito estis instalita en Moia hospitalo por la tiel nomataj «Brigadoj Internaciaj», en kiuj troviĝis iuj eksterlandaj esperantistoj, li tuj havis la okazon persone konstati la taŭgecon de Esperanto, kaj mem sperti la ravan senton de humanisma solidareco de ĝia Interna Ideo. Lia senlaca laborado por Esperanto daŭris 43 jarojn, kaj eĉ en la lastaj minutoj de sia vivo li petis la UEA-jarlibron, kaj kun ĝi inter siaj manoj li forlasis nin por ĉiam. Nun, sur lia nigra tomboŝtono oni povas legi la duan strofon de la Zamenhofa poemeto «Ho mia kor'...».

**Estas konate, ke vi intime kunlaboris kun via patro. Ĉu vi bonvolas iom amplekse priskribi lian esperantistan aktivecon?** Jes ja, mi kunlaboris en preskaŭ ĉiuj liaj agadoj por Esperanto, pro kio mi sentas min tre kontenta, des pli, ĉar mi nun povas interalie daŭrigi lian kolektadon de Esperantaj libroj, revuoj ktp., kio estis tiom grava por li, ke eĉ li decidis mem eldoni la bulteneton «Kolektado», bedaŭrinde aperinta nur ĝis la 8-a. Nun la Esperanto- biblioteko «Ramón Molera» havas pli ol 2.000 librojn, centojn de revuoj jam binditaj, kaj kromajn milojn de ili, kiuj ankoraŭ ne estas binditaj pro manko de iuj ekzempleroj. Mi esperas, ke iom post iom la biblioteko kreskos, kaj la memoro pri humila esperantisto restos kun ni.

Cetere, la esperantista aktiveco de mia patro estis multrilata, ekzemple li gvidis kursojn de Esperanto, en Moia, al preskaŭ ĉiuj gejunuloj de la vilaĝo, kie poste li fondis Esperanto-Grupon. Ankaŭ nome de Hispana Esperanto-Federacio li gvidis perkorespondajn Esperanto-kursojn, al kiuj enskribiĝis pli ol 2.000 personoj, kaj kun ĝojo mi povas diri, ke inter ili troviĝas nun tre bonaj esperantistoj. Li ofte prelegis por Esperanto en diversaj okazoj kaj lokoj, kaj en sia naskiĝurbeto Moia, li daure informis pri nia lingvo tra la lokaj radiostacio kaj revuo LA TOSCA. Sub tiu esperantista etoso organizigis en Moia, la jaron 1952-an, Provinca Renkontiĝo de Esperantistoj kun grandnombra partoprenado, kies eventon aparte reliefigis loka orkestro sin titolinta «Verda Stelo». Poste, en 1981-a, same tre sukcese okazis en nia urbeto la 23-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo, kun inaŭguro de strato ESPERANTO. Plie, mia patro ankaŭ funkciis kiel peranto de diversaj Esperanto-revuoj, kunlaboris kun «Boletín» de HEF, aktivis kiel Komisionano de la «Premio Klara Silbernik», prezidis Universalan Ligon kaj dum 17 jaroj respondecis pri la ĉefdelegiteco de Universala Esperanto-Asocio en Hispanujo. Krome li agadis en aliaj facetoj

de nia Movado, pri kiuj mi nun ne memoras.

**Ĉu vi scias pri iu anekdoto travivita de li?** Jes, jen ĝi: Okaze de la Universala Kongreso de Esperanto, en Reykjavik (Islando), miaj gepatroj venis en la manĝocambron de la hotelo. Ĉar ĉiuj manĝotabloj estis okupitaj, ili devis eksidi apud tiu, kiun okupis esperantista paro. Post longa babilado, la sinjoro diris: Jam de longe mi korespondas kun hispano, kaj ni estas bonaj amikoj. Eble vi konas lin, lia nomo estas Molera. La ĝojo kaj la ĉirkaŭpremoj estis grandegaj.

**Certe via patro estis tre kontenta, ĉar liaj filino kaj nepino estas bonaj esperantistinoj. Ĉu vi povas diri al ni, kion signifis por li bona esperantisto?** Jes, kiel skribite en «La Mirinda Libro», verko eldonita en 1984-a de Barcelona Esperanto-Centro, mia patro jam frue opiniis, ke esperantisto estas bona persono. Poste, en resumo de lia esperantista penso, kiun li surpaperigis dum siaj lastaj vivotagoj, li precizigis tiel sian opinion: «Ĉu mi estas bona esperantisto? Lastatempe mi ofte demandis min, ĉu mi estas normala kaj bona Zamenhofano? Laŭ difino de PIV certe multaj personoj, kaj mi inter ili, estas esperantistoj, sed mia zorgo kaj deziro estis atingi bonan esperantistecon. Mi lernis la lingvon antaŭ 45 jaroj, kaj tiam mi estis 15-jara knabo. La interesa ideo tuj ravis min, kaj dum proksimume 43 jaroj mi faris mian eblon por disvastigi la noblan ideon de Esperanto. Je la fino de nia interfrata milito, t.e. je la komenco de 1939-a, danke al la SAT-solidareco mi konstatis, ke la Interna Ideo funkciadiis: pakaĵoj da manĝaĵon venis al Hispanujo danke al la tutmonda helpo de la samideanaro. Dum tiuj 43 jaroj mi konis multajn gesamideanojn tra la mondo, kaj inter ili, multaj farigis bonegaj kaj sinceraj geamikoj miaj. Antaŭ ĉio ili estis Zamenhofanoj. **Esperanto estas tio, kio pli interesas ilin**. La religioj, politikaj kaj hobiaj sentoj, metitaj post la sento de Esperanto faras, ke oni estu bona esperantisto. Mi tiel opinias kaj tial faras la eblon por konsekvence agi»

**Intervjuis: VELUS**

# ANONCO

Mi aĉetas malnovajn kaj novajn memorigajn poŝtstampojn pri Esperanto, fervojo kaj fajrobrigado de Hispanio. Precipe novajn mi deziras en pli grandaj kvantoj A. Neussner, D-1.000 BERLIN 62, Dominicusstr. 25 Germanio.

# Estado de cuentas de la Tesorería de la Federación Española de Esperanto en 1984

## INGRESOS

| | | |
|---|---|---|
| Saldo anterior ........................................ | | 8.156 pts. |
| Cuotas de socios ................ | 539.726 pts. | |
| Donativos ......................... | 8.388 " | |
| Donativos para la Campaña E-100 . | 12.500 " | |
| Derechos de Examenes ........... | 1.500 " | |
| Beneficio Congreso de Zaragoza ... | 16.087 " | |
| Beneficio Congreso de Sevilla ..... | 91.045 " | 669.246 pts. |
| Total Ingresos ........................... | | 677.402 pts. |

## GASTOS

| | | |
|---|---|---|
| Correo, oficina y Reembolsos ...... | 41.666 pts. | |
| Renta del local y servicios ........ | 60.000 " | |
| Imprenta y edición de BOLETIN ... | 508.690 " | |
| Ayuda a la Sección Juvenil, 1983 . | 10.500 " | |
| Cuota de participación en el I Congreso de Escritores de Lenguas Europeas ........................... | 5.000 " | |
| Cuota de socios colectivos de U.E.A. | 22.400 " | |
| Varios ............................... | 6.240 " | 654.496 pts. |
| Saldo a cuenta nueva ................................ | | 22.906 pts. |
| Total Gastos ............................... | | 677.402 pts. |

Valladolid, 31 de diciembre de 1984

LA TESORERA,

**Carmen Conde Labajo**

Vº Bº

LA PRESIDENTA,

**María Rafaela Urueña**

# Estado de cuentas de libro-servo de H.E.F. en 1984

## (Del 1 de enero al 31 de diciembre de 1984)

| | | | |
|---|---|---|---|
| Venta de libros | | | 523.761 Pts. |
| Valor de compra de los mismos | | | 451.419 " |
| Beneficio bruto | | | 72.342 " |
| Gastos generales: | | | |
| | Sellos | 15.725 pts. | |
| | papel de embalar | 988 " | |
| | Transporte | 17.939 " | |
| | Impresos | 4.200 " | |
| | Otros | 5.859 " | 44.711 Pts. |
| Beneficio neto | | | 27.631 Pts. |

Valladolid, 31 de diciembre de 1984
EL ENCARGADO DEL SERVICIO
**José González Suárez**

Vº Bº
LA PRESIDENTA
**M. Rafaela Urueña**

---

# Resumen de cuentas de la Sección Editorial de la Federación Española de Esperanto 1984

**INGRESOS:**

| | | |
|---|---|---|
| Saldo a favor en 1983 | 8.010 | pesetas |
| Por venta de material | 17.510 | " |
| | 25.520 | " |

**GASTOS:**

| | | |
|---|---|---|
| Material, según nota presentada | 10.090 | pesetas |
| Pago Inst. Nac. del Libro Español | 900 | " |
| Correo etc. | 1.696 | " |
| | 12.686 | " |

**RESUMEN:**

| | | |
|---|---|---|
| Ingresado | 25.520 | pesetas |
| Gastado | 12.686 | " |
| Saldo a favor | 12.834 | " |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1984
**Inés Gastón**



# Antaŭ la 100-jara Jubileo de Esperanto

## OPINIOJ

**Luis Serrano Pérez**

Alproksimiĝas la jaro 1987-a, kaj la esperantista familio sin pretigas festi tiel gravan datrevenon, t.e. 100-jaran periodon de konstanta laborado, ofte en malfacilaj kondiĉoj. 100 jaroj estas konsiderinda tempospaco, kaj la esperantistaro plene rajtas tiun jubileon.

Evidente antaŭ tiel memorinda dato, prezentiĝas multaj kaj diversaj demandoj. Do, alvenis la momento analizi aŭ studi la faritan laboron, por plej bone organizi la farendan taskon cele rapide atingi «nian celon», laŭ la fama slogano de nia movado. En tiuj 100 jaroj troviĝas multaj penoj de homoj, kiuj ĉion donis por Esperanto, por la homaro. Jes, ĝi estas la ĝusta dato por omaĝi kaj danki tiujn gesamideanojn, kiuj tiel altruisme laboris. Ĉar, io estas vera, Esperanto atingis sian unuan jarcenton, danke al la entuziasmo, kiun metis en sian laboron la esperantistaro. en la pinto de la Esperanto-Movado troviĝas homoj, kiuj donis prestiĝon kaj kategorion al nia Internacia Lingvo. Sed en la bazo de piramido ankaŭ troviĝas miloj kaj miloj da homoj anonimaj, kiuj subtenis la pilierojn de la Esperanta domo.

Se pri io devas fanfaroni la esperantista familio estas pri la fakto, ke ĉio farita estas frukto de ĝia iniciato mem. Ne venis dum tiuj jaroj gravaj helpoj ŝtataj aŭ de plej altaj instancoj, ĉu naciaj aŭ internaciaj. La Esperanto-Movado estis sia propra subtenanto, sia propra motoro, kiu impulsis sin antaŭen, ne nur en la plej strikta lingva unuiĝo, sed en tiu alia, kiu estas la ekonomia.

Tamen, kaj malgraŭ la sukceso de Esperanto dum ĉi tiuj 100 jaroj, ni devas nin demandi, ĉu Esperanto suriris la taŭgan vojon?, ĉu Esperanto sukcesis kontentige?, ĉu Esperanto sufiĉe progresis dum tiuj 100 jaroj? Oni devas konsideri, ke 100 jaroj estas multaj jaroj, en nia moderna epoko. Alia demando estas, ĉu Esperanto atingis la pinton de sia malvolviĝo? Evidente ili estas gravaj demandoj, kiuj enhavas la kernon de nia pasinteco kaj la fundamentojn por la estonteco.

Laŭ mia persona opinio, ne ĉiam la Esperanto-Movado suriris la taŭgan vojon. Post la entuziasma eksplodo de la unuaj kvindek jaroj, la movado bremsiĝis. Sendube aliaj esperantistoj pensos male ol mi. Sed la vero estas, ke nuntempe la nombro da esperantistoj estas tre simila al tiu de antaŭ kivndek jaroj. Eble la du mondmilitoj estis grava baro en nia vojo. Eble nune la Esperantaj organizajoj estas pli firmaj, solidaj, sed fakte la efektiva nombro de esperantistoj apenaŭ moviĝis.

Se vi malfermas Esperantan gazeton de antaŭ kvardek aŭ kvindek jaroj, la novaĵoj estas tre similaj al tiuj nunaj, jen ekzemploj: En publika lernejo de Finnlando oni instruas Esperanton. Miloj kaj miloj da leteroj, post intervjuo al japana esperan-



tistino estis senditaj al Radio Nederlando. Oni malfermis amasan kurson en Italujo... ktp. ktp. Tiuj informoj, kiuj refleksas la bildon de la movado, estas tre similaj al tiuj nunaj. Nu, kio okazis?, kial tiuj miloj kaj miloj da lernantoj, ne venis definitive en niajn vicojn? Kial ni ne kapablis ilin reteni, fine konvinki? Kie estas la fiasko de nia agado? Ofte, tre ofte, la esperantistaro enfermiĝas en Esperanto mem. Fakte ni vivas izolite. Iuj esperantistoj precipe malnovaj, konsideris Esperanton, kiel la medikamenton, kiu solvos ĉiujn problemojn kaj malsanojn de nia socio, kaj tio ne estas realaĵo. Multaj homoj, kiuj interesiĝis pri Esperanto, antaŭ la troa esperantisteco de iuj samideanoj, forlasis Esperanton. Mi ne deziras silenti, ke la nomata «Interna Ideo» estas grava utopio en la esperantistaj vicoj. La lingvo estas socia fenomeno, kiu ligite al la ceteraj facetoj de nia ĉiutaga vivo konsistigas la socian evoluon de la homo. Esperanto, kiel lingvo kaj parto de tiu tutaĵo, ne povas resti for de ĉi tiu regulo. Estas vere ke en la koro de ĉiu esperantisto troviĝas speciala angulo samideaneca, celanta atingi la fratecon de la homoj kaj pacan interkonsenton inter la popoloj. Sed Esperanto ne estas la panaceo, kiu solvos la problemojn de la homaro. Esperanto neniam solvos la analfabetecon, kvankam estas vere ke en ĉi tiu branĉo de la vivo Esperanto havas gravan rolon. Sed ja estas aliaj instancoj, kiuj devas trovi la adekvatan kaj justan rimedon por ke la homo ne restadu en la mallumo de la nescio. Fakte en ĉi tiu tereno ni povas multe kontribui. Tio jam estas unu el la grandaj mesaĝoj de Esperanto: facila lingvo por ke la kulturo atingu ĉiun civitanon, sed la rimedoj por atingi tiun stadion evidente restas for de niaj eblecoj.

La forigo de milito estas unu el la plej grandaj deziroj de la homaro, kvankam mi ne scias, ĉu ĉiu homo vere laboras tiucele. Kion povas fari Esperanto en tiu tereno? Bonvolu kompreni, ke mi aludas Esperanton

kiel lingvon. La esperantistoj kiel personoj estas devigataj labori por la paco kaj ankaŭ estas devigataj la esperantistoj apliki Esperanton en tiun tutmondan deziron, la paco. Kiamaniere? Nu, utiligante nian facilan internacian komunikadon inter la diversaj pacistaj rondoj. Krome ni ĉiam devas antaŭmeti la pacan mesaĝon de Esperanto. Sed ni devas konscii, ke Esperanto en si mem havas nenian specialan rolon en tiu urĝa tasko. Esperanto, kiel lingvo estas plia elemento, kiu povas kunlabori en tiu serioza konflikto. Tamen se esperantisto naive pensas, ke la esperantistigo de la tuta homaro signifus la finon de ĉiuj problemoj, kiuj konstante frapas nian vivon, fakte li vivas en la plej granda utopio. En okcidento, nia socio travivas seriozajn momentojn de senlaboreco. Kion povas fari Esperanto por ke ĉiu homo havu sian laborpostenon? Sendube vi ne kuraĝas respondi, ĉar tiu respondo ja restas for de Esperanto.

Milfoje mi legis, ke D-ro Esperanto en sia amo al la homo kio poste nomiĝis la homaranismo de Zamenhof— ege suferis, kiam li konstante vidis en sia loĝloko kverelojn pro la diversaj lingvoj parolataj, kiuj siavice kreis grupojn, batalantajn inter si, sed mi neniam legis, ke Zamenhof kreis la Internacian Lingvon por solvi la sociajn maljustaĵojn ekzistantajn en tiu urbo. Mi ne povas eĉ pensi, ke Zamenhof estis tiel naiva en tiu tereno. Nu, se ankoraŭ estas iu samideano, kiu pensas, ke la Interna Ideo estas la glora rimedo por ĉiuj niaj suferadoj, modeste mi opinias, ke li suriras eraran vojon. Se gastigado dum iuj tagoj al fremda homo, nur pro tio, ke li estas esperantisto, tio jam signifas la kernon de la Interna Ideo, ni devas konfesi, ke tiusence oni povas paroli pri sukceso. Tamen se la Interna Ideo celas la harmonion de ĉiuj sociaj fortoj ekzistantaj en la mondo, mi povas aserti, ke la nomata Interna Ideo havos nenian reliefon aŭ sukceson. Iam mi vidis en Heroldo de Esperanto fotografaĵon, kies suba noto klarigis: jen anarkisto dancanta kun katolikino; Esperanto fratigas la homojn; Tiu specimeno estas valida por unu tago, por unu balo kaj por speciala cirkonstanco. Tamen se la anarkisto restas fidela al siaj principoj kaj la katolikino al siaj kredoj, tiu subita frateco atiginta pere de Esperanto, fakte malaperos. Estas vere ke inter la esperantistoj regas speciala formo de toleremo, kaj tio estas komprenebla, ĉar ja inter ili ekzistas io komuna: Esperanto. Tamen se iu kredas, ke tiu momenta alproksimigo de la personoj pere de Esperanto estigos veran kunvivadon homan, li tute eraras, pro la fakta realo, ke Esperanto ne estis kreita tiucele. Se Esperanto prenus sur sin tiun rolon, estas nediskuteble, ke oni devus starigi regulojn aŭ normojn de kunvivado, pli aŭ malpli konataj, kaj fine la Esperanto-Movado fariĝus kvazaŭ politika partio. Mi deziras demandi, ĉu milionulo esperantista estas preta disdoni siajn milionojn inter esperantistoj almozuloj? Fakte ne! Kaj, kiamaniere povas rigardi malsatanta esperantisto riĉulon kiu havas ĉiujn kapricojn? Sendube la fakto, ke ambaŭ estas esperantistoj ne solvos la aferon. Jes, riĉa esperantisto povas helpi la malsatantan esperantiston dum unu tago, dek, unu jaro, dek jaroj, ĉiam, sed post tiu malsatanto venas alia, kaj alia, kaj aliaj, ĝis fine la riĉulo dirus sufiĉe, kaj nia bonintenca ideo havus teruran malsukceson. Ne, Esperanto neniel kaj neniam solvos la diskriminaciojn sociajn. Tio ja estas tasko de instancoj starigitaj tiucele.

# PROJEKTO PRI PREŬNIVERSITATA KURSO EN ESPERANTO.—PETO PRI PROFESOROJ

Kiel jam publikigite, la projekto esence konsistas el: Verkado far internacia skipo de apartaj, averaĝe 100-paĝaj kajeroj por la unuopaj temoj; eldono aŭ kserokopiado de la kajeroj, por disponigo al uzontoj; ekspluatado de tiuj kajeroj laŭ la lokaj eblecoj.

Laŭlonge de tiu jaro, ni malvolvu la laboron por 4 aŭ 5 kajeroj (ni antaŭvidas pri «Enkonduko en Relativeco-teorion», «Elementa Geometrio laŭ moderna vidpunkto», «Logiko, aroj», «Bazaj Matematikaj Strukturoj», «Financa Algebro», ĉar ties redaktado estas plej progresinta).—La kurso estu aperta al lernantoj el kiu ajn lando aŭ okupo; ĝia kerno konsistu el la partoprenintoj en nia Seminario pri Esperantologio kaj Interlingvistiko (plejparto el ili estas ŝtataj profesoroj pri baza aŭ meza klerigado).—La profesoraro konsistu el ne-hispanlingvaj profesoroj, ja bone regantaj kaj la temon kaj Esperanton; ili laŭeble adaptiĝu al la teksto de la koncerna kajero; krome, ili bonvolu informi la lernantaron ankaŭ pri la klerig-sistemoj de siaj respektivaj landoj, pri pedagogiaj aranĝoj, k.s. (tiel ke la servoj farotaj pere de Esperanto al nia lernantaro estu kiel eble plej ampleksaj).

Jen, do, URĜA PETO: Ĉiu ne hispanlingva fakulo pri la diritaj temoj, kiu veturos Hispanion en 1985a, kaj kiu povus dum du ĝis sep tagoj resti ĉe nia Universitato por malvolvo de unu kajero, estas varme petata informi nin pri tio, por veni al interkonsento pri datoj, kostoj, ktp.—(Ĉar temas pri nura prova testo, ni devas minimumigi la elspezojn; do, nur pago de kostoj interne de Hispanio estos ebla).

Por pli da fleksebleco: Ni danke pretas studi proponojn pri malvolvo de aliaj temoj, ĉefe se oni ofertas jam redaktitajn tekstojn.

Fine: Se la teksto montriĝos sukcesa, oni pli perfekte kaj komplete muntos la tutan Preŭniversitatan Kurson, tiel ke la projekto estu finita meze de 1987a (inkluzive de oficiala informo pri laboroj, kostoj, rezultoj, ktp), kaj iĝu la kontribuo de nia Universitato al la Jubilea Jaro de Esperanto.

Inter aliaj gravaj personoj, apogas la kurson: D-rino Flora Szabo-Felsó, Ĝenerala Sekretario de UEA: d-rino Maria Rafaela Urueña, Prezidantino de HEF; d-ro Andrés Lukacs, Sekretario de Scienca Eldona Centro; inĝ. Petar Todorov, estrarano pri faka agado de U.E.A.; d-ro C. Stop-Bowitz, ISAE-Prezidanto; s-ro Andrés Martín, Hispana Sekciestro de I.L.E.I.; s-ro Miguel Angel Sancho, HEJS-Prezidanto.

Ĉiu interesiĝanto pri la kurso turnu sin al: S-ro Antonio Alonso Núñez, Esperanto-Kurso; Filologia Fakultato, SANTIAGO DE COMPOSTELA (Hispanio).

# PRI ESPERANTISTA ŜTATO



Unuavide la projektoj por krei esperantistajn ŝtatojn kun propra suvereneco povas aperi kiel vera stultaĵo aŭ sensencaĵo, kiel diras Couturat en sia verko «Historio de Esperanto». Tamen estas konindaj la ideoj de kelkaj samideanoj, neniel frenezuloj, kiuj pro sia amo al la internacia lingvo kaj intencante vivigi ĝin per daŭra uzado je ĉiuj niveloj, projektis sendependigi staton nur por esperantistoj.

Oni devas diri ke krei ŝtaton, nur por iaj personoj ne estas tute maleble; tiel la Internacia Juro agnoskas la eblecon fondi landon «ex movo», t.e. kie antaŭe ĝi ne ekzistis. Se ni rigardas mapon, ni konstatas la aperon de landoj kiel Liberio, formita en la pasinta jarcento de filantropia societo por la liberigataj sklavoj el Usono. Ankaŭ la angla malkoloniigo de la Hinda duoninsulo, estigis la naskigon de du ŝtatoj:

Hindujo kaj Pakistano, unu por hindoj kaj alia por islamanoj. Alia ekzemplo estas la fondiĝo de la ŝtato Israelo por la judoj post la Dua Mondmilito. Jam en niaj tagoj, en 1968a, la Nacia Nigra Registaro proponis al Usono krei landon en kelkaj nordamerikaj ŝtatoj por la usonaj nigruloj, kio fine ne realiĝis.

Se ni antaŭscias ci tion, ni neniam povos diri ke fondi esperantistan ŝtaton estas fantaziaĵo. La unua projekto por fari tion okazis en la jaro 1908-a. Dum la Universala Kongreso okazigita tiun jaron en Dresdeno, la profesoro Gustave Roy, proponis al la esperantistaro krei ŝtaton por ili, kie? Ĝuste meze de Eŭropo, pli ekzakte en Moresnet. Moresnet estas riĉa teritorio kun abundaj minejoj kiu, pro la disputoj inter Belgio kaj Germanio por regi ĝin, la Konferenco de Vieno konsideris ĝin

neŭtrala teritorio. Moresnet mezuris 5,5 kvadratajn kilometrojn kaj havis nur tri urbojn: Moresnet, La Calamina kaj Kalmis kun 1.160 loĝantoj.

En 1905-a komenciĝis novaj diskutoj inter Germanio kaj Belgio por decidi la estontecon de la teritorio. Tiel G. Roy proponis peti ambaŭ landojn krei novan ŝtaton, tute neŭtralan kun neŭtrala lingvo: Esperanto. La politika sistemo de Moresnet faciligus tion, la loĝantoj de la tri urbetoj elektu komunan urbestron kaj dek deputitojn. Per la projekto oni intencis krei esperantistan grupon kiu prezentus proprajn kandidatojn por regi la teritorion. Kiam urbestro kaj deputitoj estus esperantistoj kaj kiam la ekonomio dependus ĉefe de la esperantistaj turistoj kaj kongresoj —oni devas diri ke la riĉaj zinko-minejoj komencis elĉerpiĝi— Moresnet povus peti pli forte sian nedependon. Tamen ĉi tiu projekto antaŭvidis ke multaj geesperantistoj devus translokiĝi al Moresnet, kaj ĉi tio ne okazis; same la teritorio sen bonaj kondiĉoj por restado kaj manĝado neniam akceptis esperanto-Kongreson. Laŭ la planoj de Gustave Roy la praloĝantaro de Moresnet kun 1.160 loĝantoj estus malpli nombra ol la novaj esperantistaj moresnetanoj, sed tio, ja, ne realiĝis. Bedaŭrinde, la esperantistaro ne ŝatis la projekton kaj G. Roy devis forgesi sian revon. Moresnet, fine, post la Unua Mondmilito aliĝis al Belgio 1919-a. Poste dum la Dua Mondmilito, ĝi apartenis al Germanio kaj, nuntempe ĝi estas sub la belga suvereneco.

Ĉi tiu estis la unua projekto por krei urbojn kaj landojn por esperantistoj. Poste, aliaj naskiĝis kiel la Parkurbo Grafelring aŭ, pli moderne, la Insuloj Hesperides, projektoj pri kiuj oni parolos en venontaj artikoloj.

**José María Rodríguez**

# Grava Sukceso por la Instruado de Esperanto

La Eduka Teritoria Servo en Alicante de la Konsilantaro pri Kulturo, Edukado kaj Scienco de la Aŭtonoma Valencia Komunumo, favore akceptis la peton de la Direktoro de la Nacia Lernejo «La Paz» de Callosa de Segura (Alicante) por ke ĉiu semajne, eksperimente kaj voluntule, oni okazigu elementan kurson de la Internacia Lingvo ESPERANTO.

En la petskribo oni atentigis la okazigon de la Hispana Kongreso de Esperanto en Kartageno kaj la baldaŭan centjariĝon de la Internacia Lingvo Esperanto.

# Omaĝo al Prof. D-ro Ivo Lapenna

La 15-an de Decembro, okaze de la 125-jara datreveno de la naskiĝo de d-ro Zamenhof kaj de la 30-jara datreveno de la Rezolucio de Unesko en Montevideo, grupo da geamikoj de prof. Ivo Lapenna, elstara aktivulo en la internacia Esperanto-movado, aranĝis festvesperon en la Palaco de Grafo Moltke en Kopenhago (Danlando) por festi la 75-jara datreveno de sia naskiĝo.

# NIAJ GRUPOJ

MALAGA.—Du novaj kursoj de Esperanto (elementa kaj meza) komenciĝis la unuaj tagoj de Septembro en la sidejo de G.F.U.

La 20-an de Oktobro kaj pri la temo «Aportaciones Literarias de los Esperantistas Españoles» prelegis en Liceo de Málaga, s-ano Andrés Martín.

En Fuengirola kaj en Arroyo de la Miel, ambaŭ de la Málaga-provinco, ĵus ekfunkciis du novaj E-Grupoj.

A. MARTIN

SANTA COLOMA DE GRAMANET.—Membroj de la E-Grupo «Stelo 2000» partoprenis la 26-an de Oktobro en la populara «Marŝo kun Torĉoj» por la paco okazinta en Barcelono. Grupo da gejunuloj marŝis montrante esperantan standardon kun la jena teksto; «ESPERANTO POR LA MONDPACO».

VALENCIA.—Miloj da leteroj de la tuta mondo ricevis la loka E-Grupo, petante la sendon de la turismaj broŝuroj, esperantlingve eldonitaj de la Urba Komunumo.

VALLADOLID.—La 15-an de Decembro kaj en la programo «Manera de Vivir» de R.C.E. Valladolid estis intervjuata dum pli ol duonhoro, la tiama Prezidantino de H.E.F., María Rafaela Urueña.

MADRID.—S-roj Angel Figuerola, José María González Aboin kaj Gerardo Flores, antaŭaj estraranoj de H.E.F. partoprenis en tutlanda radioprogramo okazinta la 16-an de Decembro en kiu, ili respondis diversajn demandojn pri Esperanto kaj pri ĝia kreinto d-ro Zamenhof.

---

# INTERESAJ INFORMOJ

En la pasinta numero de Boletin oni, erare, informis ke la nunjara kotizo por junaj membroj (ĝis 25-jaraĝa) estas 700 p-toj; anstataŭ 750 p-toj kiu estas la korekta kotizo.

De nun ĉiuj pagoj por H.E.F., krom tiuj por Libro-Servo, vi povas fari al la jena konto: Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros Libreta Nº 2303-26; Ag. Riera Blanca, 436; 08028 BARCELONA.

Laŭ propono de la nova H.E.F.-estraro, ĉi tiu grava servo de la Federacio daŭras en Valladolid. Ni atendas viajn mendojn en nia adreso: Libroservo de H.E.F.: Apartado, 119; 47080 VALLADOLID.

# INFORMO PRI LA «ARTAJ, SCIENCIAJ, KULTURAJ HOROJ» DUM NIA NACIA KONGRESO 1985-A

Ni havas lokon por pliaj 6-8 prelegoj pri la fako «Scienco, Tekniko». Jen mi sugestas kelkajn eblajn temojn inter amaso da ili: «Kiel funkcias kserokopiilo»; «Ĉu eblas sendolora dento-kuracado?»; «Filatelado»; «Kelkaj plej elementaj matematikaj problemoj, tamen nesolvitaj, aŭ surprizaj, aŭ gravaj»; «Montrado de la diversaj partoj de folkloraj muzikiloj» (eble ludisto parolu hispane kaj oni traduku esperanten).

Memoru, ke temas pri 20 minutaj prelegoj plus 10 minutaj diskutoj.

FAKULOJ, AMATOROJ: Vi estas varme invititaj mem prelegi, publike kaj protagonisme praktikadi la lingvon. NEPRE PARTOPRENU. Proponoj sendu al: Antonio Alonso Núñez, Esperanto-Kurso; Filologia Fakultato; SANTIAGO DE COMPOSTELA.

# Informo de I.E.K.A.

La Aŭtomobilista Klubo preparis planon de Eŭropo por helpi la aŭtomobilistojn kiuj veturos al la U. K. de Ausburg (F. R. Germanio).

Sur tiu plano estas indikataj ĉiuj urboj kie loĝas UEA-Delegitoj de Internacia Esperanto-Klubo Aŭtomobilista (I.E.K.A.) kaj pri turismo, gastigado, s.o.s.-aŭtoservo kaj aŭtomobilaj aferoj.

Se vi deziras ricevi ĝin kun informoj, bonvolu skribi, aldonante unu internacian respondkuponon, al: I.E.K.A.; J. Guillaume; 66, De Grasse Village; F-78810 FEUCHEROLLES (Francujo).

# Alvoko de VETERANA ESPERANTISTA KLUBO

Okaze de la centjara datreveno de Esperanto, ni intencas eldoni memorlibron pri nia movado kaj ĝiaj ĉefaj pioniroj. Tiu libro devas esti valora dokumento pri la junaj jaroj de la esperantista movado, sed por atingi tiun celon, oni bezonas la helpon, senescepte, de ĉiuj gesamideanoj.

Se vi estas preta kunlabori en la projekto, bonvolu sendu, kiel eble plej rapide fotokopiojn de ĉiuj dokumentoj pri la evoluado de Esperanto en via regiono, en via lando. Informu nin pri la senlaca agado de tiuj pioniroj.

Tiu libro estos la verko de ĉiuj kiuj partoprenos la redaktadon pere de utilaj informoj kaj kopioj de valoraj dokumentoj.

La informojn kaj fotokopiojn sendu al: R. Melo; 34, Av. de Russie; F-03700 BELLERIVE sur Allier (Francujo).

## NOTO

Mi serĉas kompetentajn esperantistajn kunlaborantojn kiuj konsentas aktive partopreni en internaciaj, neesperantistaj, renkontiĝoj.

Pliajn informojn petu al: S-ro Edward Symoens; Putsesteenweg, 131/A; B-2180 KALMTHOUT (Belgio).

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

## SFEROJ-3, SCIENCFIKCIO KAJ FANTASTO

Kompilanto: Miguel Gutiérrez Adúriz. Presejo: Grafiques El Tinell. Eldonas: M. G. A. Formato 11 x 18 cms., kun 130 paĝoj. Prezo: 650 pesetoj. Mendebla ĉe Libro-Servo de H. E. F.

Tiun ĉi libron mi ricevis por recenzo, kvankam mi estas tute ne SF-ŝatanto (nur kunlaboranto de LKK nur ŝatanto de Zamjatin, Kazochinio, Borges...). Kial mi ne ŝatas SF-on? Ĉar kutime mi trovas en rakonto nur ideon eldireblan per 100 vortoj, kiun pro profesiaj postuloj l'aŭtoro pliampleksiĝis ĝis miloj da. Kaj mia poezia kaj ekologia konscio ribelas: se l'enhavo de libro estas eldirebla sur A4-folio-kial ne? (Neniu gajnas monon per E-o, do ni povus verki senblage.)

Ni komencu meze: Csaba Finta: «La Temŝtelisto». Al SF-verkisto mankas ideoj. Aperas iu (kiu poste nomiĝas simple la veninto), kiu promesas materialojn al estonta tempo — kontraŭ prunbrando. La verkisto prosperas dank'al li — kvankam lia ĉefo suspektas plagiaton — ĝis mizera prunrikolto malebligas fari hejman brandon. Aperas novaj materialoj en la kutima aktujo — sed la ĉefo kaptas ĝin. Fino. (ĉ. 60 vortoj!).

Kaj sekvas «Planedo de Amo» (Béla Kovács). Jes. gravas nur **ideo.** Post 5 banalaj paĝoj venas la lasta — kun **surprizo.** Do — ĉu mi trovis la formulon? Ne. Ĉar «Vitaliumo», (Poul Thorsen) tute ne surprizas — sed plaĉas, ĉar bonstila. Kaj sekvas kvazaŭ SF-poemoj (bedaŭrinde ne ĉiam kompreneblaj!) de Miroslav Andriĉ. Kaj — jes, la rakontoj de Petro Nuez kaj Liven Dek same poezias, bonstile — eĉ modele releginde... Jes, mi estas preskaŭ konvinkinta pri SF — konvinkinta, kompreneble, ke nur stilo gravas, ke bona stilo transformas eĉ plej banalajn materialojn.

**Kris Long**

**«Etulaj Aventuroj»,** de Zora Heide. Formato 21 x 14,5. 103 paĝoj kun ilustraĵoj de Drasko Toplaj kaj Hans I. Dahl. Libro originale verkita en Esperanto. Stokholmo, 1983-a. Eldonis la aŭtorino.

Jen tre'interesa legaĵo, kiun Zora Heide, nun loĝanta en Svedujo, sed devenanta de jugoslaviaj gepatroj, verkis en klara, senkomplika Esperanto.

La libro enhavas ok mallongajn rakontojn el la kamparana medio, rilatajn al infanaĝaj travivaĵoj, kies simpatiajn kaj humanismajn trajtojn la aŭtorino objektive prezentas.

La belstila lingvaĵo de Zora Heide ja distingiĝas pro sia komprenebleco. Tamen miaopinie ensoviĝis en ĝin iaj malĝustaĵoj, ekzemple: en paĝo 13-a la titolon «La kaŝpasaĝero» mi sanĝus per «La kaŝita pasaĝero»; en paĝo 48-a aperas grandurbo por granda urbo; en paĝo 81-a etmienoj anstataŭ etaj mienoj aŭ mienetoj.

Malgraŭ tiuj rimarkigoj, la libro estas tre aĉetinda, ĉar destinita ne nur por komencantoj, sed ankaŭ por ĉiu literatur-amanto.

**VELUS**

# DEZIRAS KORESPONDI

Kun sinjoro aŭ sinjorino, kiu povas helpi min pri la instruado de la hispana lingvo. K. Kryniewecka; skkeytka poczt, 64; 80-325 GDANSK 37 (Pollando).

Pri ĉiu temo, 30-jara komencanto. S-ro István Mádi; Kele u. 26 H-8600 SIOFOK (Hungario).

Kun gejunuloj el la tuta mondo. Esperanto-Klubo «Verda Amikeco» mgr. inĝ. Boguslaw Ubik; ul. Michakowizca 2/22; 43-323 CZECHOWI-CEDZIEDZICE (Pollando).

Por interŝanĝo de b.k. kaj p.m. S-ro Keresztesi Grigore; G. Enescu, 9/6; BAIA MARE (Rumanio).

Pluraj lernantoj de la E-kurso de Sant Cugat del Vallés pri diversaj temoj. Esperanto-Kurso, Orient, 59-1-3; SANT CUGAT DEL VALLES (Barcelono) Hispanio.

Kun la tuta mondo pri literaturo kaj por interŝanĝo de b.k. kaj p. m. 14-jara lernantino. F-ino Magdalena Wroclawska; Grabonog 62/1 PL 63/820 PIASKI (Pollando).

## NEKROLOGOJ

La 26-an de Decembro 1984-a, mortis 88-jara en Manresa (Barcelono), s-ro **Joan Mora i Batlle**, al lia familio, kaj speciale al lia filo, la prestiĝa membro de la redakta komitato de «Boletín», s-ro Gabriel Mora i Arana, Hispana Esperanto-Federacio transsendas, nome de la tutlanda esperantistaro, sian plej sinceran kondolencon.

La 31-an de Januaro forpasis en Valladolid, s-ro **Antonio Gamboa Sánchez**, membro de la Hispana Esperanto-Federacio kaj aktiva membro de la loka E-grupo «Fido kaj Espero», kie li okupis la postenon de Vicprezidanto.

Ĉiam preta helpi ĉiujn, li malavare kontribuis, finance, al la agado de la Grupo kaj de la Federacio. Dank'al sia helpo oni sidis, dum pluraj jaroj, en la strato Dos de Mayo, dum kiuj la vivo de la Grupo estis vere fruktodona.

Li, plurfoje, verkis por «Boletín» kaj inter siaj skribaĵoj, ni speciale elstaras humoran poezion, kastillingve, enhavante la tutan gramatikon de Esperanto. Lia bonkoreco kaj bonhumoro estas konataj de ĉiuj kiuj havis la plezuron koni lin persone.

S-ano Gamboa, ne plu estas inter ni, sed sia vivstilo kaj sindonemo estas por ni konstanta ekzemplo.

L. HERNANDEZ



# Viaje al 70 Congreso Universal de Esperanto

**ITINERARIO:**

Día 1º. **MADRID-MUNICH**
Presentación en el aeropuerto de Madrid-Barajas, para realizar los trámites de embarque, y salir en avión de línea regular, clase turista, con destino a Munich. Llegada, asistencia y traslado del aeropuerto al hotel. Alojamiento.

Día 2º. **MUNICH**
Alojamiento y desayuno en el hotel. Por la mañana, se visitará esta hermosa ciudad, fundada por monjes, recorriendo el recinto antiguo, con el viejo y nuevo Ayuntamiento, el famoso Carillón de Glockenspiel, la Ciudad Olímpica, el Castillo y Parque de Nymphenburg, residencia veraniega de los soberanos bávaros, etc. Tarde libre.

Día 3º. **MUNICH**
Alojamiento y desayuno en el hotel. Excursión opcional a Salzburgo.

Día 4º. **MUNICH-AUSBURGO**
Desayuno y salida en autocar en dirección a Ausburgo. Llegada y traslado al hotel. Alojamiento.

Día 5º al 10º. **AUSBURGO**
Alojamiento y desayuno en el hotel. Días libres, para asistir al Congreso Mundial de Esperanto.

Día 11º. **AUSBURGO-MUNICH-MADRID**
Desayuno. Salida en autocar del hotel con dirección a Munich, para enlazar con el vuelo de línea regular, clase turista con destino a Madrid. Llegada y fin del viaje.

* * *

PRECIO POR PERSONA EN HABITACION DOBLE

| | |
|---|---|
| EN REGIMEN DE ALOJAMIENTO Y DESAYUNO ............... | 97.400,— pts. |
| En régimen de media pensión ............... | 115.100,— pts. |
| En régimen de pensión completa ............... | 122.500,— pts. |
| Suplemento habitación individual ............... | 17.500,— pts. |

EL PRECIO INCLUYE

— Billete de avión clase turista Madrid-Munich-Madrid
— Traslado Aeropuerto-Hotel-Aeropuerto
— Autocar Munich-Ausburgo-Munich
— Alojamiento en habitaciones dobles hoteles tres estrellas
— Régimen alimenticio, según el elegido
— Visitas que se indican

**INFORMES E INSCRIPCIONES**




**Ferrari, 5; Tfnos: (983) 35 92 00 - 35 76 31**
**47001 VALLADOLID**